Exemples :

Ekzemploj :

*domo* = maison, *dometo* = cabane ; *rivero* = rivière, *rivereto* = ruisseau ; *varma* = chaud, *varmeta* = tiède ; *kanti* = chanter, *kanteti* = fredonner ; *ridi* = rire, *rideti* = sourire.

Ce suffixe formera également les diminutifs de tendresse :

Tiu sufikso ankaŭ formos la karesemajn malgrandigojn :

*Petro* = Pierre, *Petreto* = Pierrot ; *Anno* = Anne, *Anneto* = Annette ; *patreto* = petit père ; *patrineto* = petite mère (et non pas mère petite).

Remarquons que les diminutifs familiers ou caressants de noms propres, sont des mots *purement nationaux*, absolument particuliers à un groupe ethnique donné ; ils ne sont donc admissibles, comme tous les mots étrangers, que dans des traductions :

Ni rimarku ke la karesemaj aŭ infanaj malgrandigoj de la baptonomoj estas vortoj *pure naciaj*, tute specialaj al speciala etnika grupo ; ili estas do akcepteblaj, kiel la fremdaj vortoj, nur en tradukoj :

*Bob*, *Ted*, *Dick*, *Sacha*, *Sonia*, *Sus*, etc.

***

Les suffixes *eg* et *et* marquent, comme on l'aura constaté, un changement *qualitatif* et non pas seulement un simple changement *quantitatif* de la notion.

*Eg* et *et* ne sont donc pas synonymes de *tre* ou de *tre poke* (= très peu).

On ne doit pas employer ces suffixes comme radicaux ; on ne dira pas *ega* ou *eta* pour grand ou petit ; encore moins *egulo*, *etulo*.

***

La sufiksoj *eg* kaj *et* montras, kiel oni tion konstatis, ŝanĝon *kvalitalan* kaj ne nur simplan ŝanĝon *kvantalan* de la ideo.

Do *eg* kaj *et* ne estas sinonimoj de *tre* aŭ de *tre poke* (tre malmulte).

Oni ne devas uzi tiujn afiksojn kiel radikvortoj ; konsekvence oni ne uzos « *ega* aŭ *eta* » ; nek ankaŭ, *afortiori* « *egulo*, *etulo* ».

— suffixe AĈ sufikso —

Le suffixe *aĉ* (italien *azzo*, *accio*) sert à former les péjoratifs, c'est-à-dire à exprimer une qualité très inférieure, une nuance de mépris, d'aversion ou de dégoût :

La sufikso aĉ (itale *azzo*, *accio*) utilas por formi pejorativojn, estas diri por esprimi kvaliton tre malsuperan, nuancon de malestimo, antipatio aŭ malŝato :

*ĉevalaĉo* = rosse (mauvais cheval) ; *popolaĉo* = populace ; *belaĉo* = bellâtre ; *ridaĉi* = ricaner ; *bravaĉo* = un bravache.

Autant il faut éviter d'employer *eg* ou *et* dans un sens péjoratif, autant il faut se garder d'employer *aĉ* dans un sens diminutif ; par exemple on dira *brileto* = lueur, et non pas *brilaĉo*.

Bien entendu, on n'emploiera pas plus *aĉ* que *eg* pour désigner les organes ou les fonctions des animaux par opposition à l'homme, à moins qu'on ne veuille exprimer spécialement l'aversion ou le dégoût.

Kiel estas necesa eviti uzon de *eg* kaj *et* en pejorativa senco, tiel estas necesa eviti uzon de *aĉ* en senco de malgrandigo; ekzemple oni diros «brileto» kaj ne « brilaĉo ».

Kompreneble oni uzos nek *aĉ* nek *eg* por kontraŭmeti la organojn aŭ funkciojn de la bestoj al tiuj de l' homo, escepte ĉu oni deziras esprimi speciale malestimon aŭ malŝaton.

— suffixe UM sufikso —

Le suffixe *um* est affecté, à dessein, d'un sens indéterminé, de manière à pouvoir former des dérivés de toute espèce dont le sens a un rapport indéfini avec celui du radical.

Par conséquent on doit apprendre ce sens par l'usage ou par dictionnaire.

La sufikso *um* havas, intence, nedifinitan sencon, por ke ĝi povu formi ĉiujn specojn da devenaĵoj, de kiuj la senco havas nedifinitan rilaton kun la senco de la radiko.

Konsekvence oni devas lerni tiun sencon per la kutima uzo aŭ per la vortaro :

*kolumo* = col ; *manumo* = manchette ; *butonumi* = boutonner ; *plenumi* = accomplir (un devoir) etc.

Il sera demandé que les particuliers ne forment plus de nouveau dérivés avec ce suffixe ; et la plupart des dérivés en *um* de l'Esperanto actuel seront remplacés par des dérivés logiques, plus clairs :

Oni rogos ke la Esperantistoj ne plu formu novajn devenaĵojn per helpo de tiu sufikso ; kaj la plimulto el la devenaĵoj per *um* en la nuna Esperanto estos anstataŭataj per logikaj devenaĵoj pli klaraj :

*aerumi* par *aerizi*; *ventumi* par *ventizi*; *datumi* par *datizi*; *amindumi* par *kortezi*; *martelumi* par *martelagi*; *prroksimuma* par *proksima; sapumi* par *sapizi*.

**Remarques.** — Le suffixe *er* d'un emploi assez restreint, est supprimé... On peut le remplacer par *un* (idée d'unité) lorsque le sens à rendre est bien celui d'un élément naturel: *sabluno* = grain de sable; *hajluno* = grêlon.

Dans les autres cas, on emploie des radicaux spéciaux: *cintelo* = étincelle; ou des mots composés: *monpeco* = pièce de monnaie; *sukropeco* = morceau de sucre (un morceau de sucre n'a pas plus d'unité naturelle, ne représente pas plus un élément, qu'un pain, une motte de terre, une motte de beurre, etc.).

**Rimarkoj.** — La sufikso *er*, kiu estas malofte uzata, malaperiĝas. Oni povas anstataŭi ĝin per *un* (ideo unuecala), kiam la senco de l' traduko estas certe senco de natura elemento : sabluno = unu elemento de sablo ; hajluno. En la aliaj okazoj, oni uzos specialajn radikojn : cintelo = la nuna fajrero; aŭ kunmetitajn vortojn : monpeco = la nuna monero; sukropeco = peco da sukro (kiu ne havas pli da natura unueco, kaj ne pli reprezentas unu elementon, ol unu pano, unu bulo da tero, unu bulo da butero, k. c.).

Le préfixe *pre* remplace en compositon la préposition *antaŭ*:

La prefikso *pre* anstataŭas, en kunmeto, la prepozicion *antaŭ* :

*preludo* = prélude; *prehistorio* = préhistoire; *previdi* = prévoir; *prejudiko* = préjugé (jugement anticipé, prématuré), etc.

Le préfixe *pra* est remplacé par *pre*, quand il signifie simplement un degré antérieur de parenté: *preavo* = arrière grand'père; et par *prim* (= primitif) quand il signifie très-ancien: *la primavoj de l' homaro* = les ancêtres de l'humanité.

La prefikso *pra* estas anstataŭata ĉu per la prefikso *pre* kiam ĝi signifas simple antaŭan vicon de parenceco : preavo = la nuna praavo; ĉu per la sufikso *prim* (primitiv') kiam ĝi signifas : tre malnova : la primavoj de l' homaro = la unuaj avoj de l' homaro.

***

*Vice* est particulièrement usité comme préfixe pour indiquer des fonctions exercées en sous-ordre: *vice-prezidanto* = vice-président.

*Vice* estas speciale uzata kiel prefikso por montri subfunkciojn : Vice-prezidanto = la nuna vicprezidanto.

***

La plupart des particules (adverbes, prépositions) peuvent servir de préfixes:

La plimulto el la partikuloj (adverboj, prepozicioj) povas utili kiel prefiksoj :

*eniri* = entrer; *foriri* = s'éloigner; *kunveni* = se réunir, s'assembler, etc.

Il faut se garder de donner aux prépositions, employées pour former des mots composés, un autre sens que celui qu'elles ont isolément; il faut blâmer l'emploi double que l'Esperanto actuel fait de *el*; comme préposition *el* veut dire de, d'entre; employé en composition *el* signifie tantôt l'extraction, la sortie, comme dans *eliri* = sortir; tantôt l'idée d'achèvement complet, d'accomplissement parfait, comme dans *ellerni* = apprendre à fond.

Il faut condamner pareil emploi équivoque de *el*, qui a fourni à l'Esperanto actuel le mot *elparoli* avec la signification de prononcer, alors que la décomposition du mot *elparoli* donne comme signification « *parler dehors* » ou « *parler complètement* », deux sens inacceptables. Il faut dire « *prononci* ».

Il faut condamner *elporti* qui, dans l'Esperanto actuel signifie : « *supporter*, *endurer* », alors que *elporti*, par sa composition signifie « porter dehors » ou « porter à fond, complètement, jusqu'au bout ». Il faut dire « *toleri* ».

Il faut condamner l'actuel *elrigardi*, etc., etc.

Oni devas absolute eviti ke oni donu al prepozicioj uzitaj por formi kunmetitajn vortojn, alian sencon ol tiu, kiun ili havas izole; riproĉinda estas la duobla uzo de *el* en la nuna Esperanto ; kiel prepozicio *el* tradukas la francan « *de*, *d'entre* » ; uzita en kunmeto, *el* signifas iafoje la eltiron, la eliron, ekzemple en la vorto « eliri »; iafoje la ideon pri plena finigo, perfekta plenumo, ekzemple en la vorto « ellerni ».

Kondamnenda estas tiela uzo dusenca de *el*, kiu donis al la nuna Esperanto la vorton « elparoli » kun la signifo de « prononci » tiam kiam la analizo de l' vorto « elparoli » donas kiel signifon ĉu « *paroli ekstere* » ĉu « *tutplenumi la agon* « *paroli* », ambaŭ sencoj neakceptindaj. Oni devas diri : prononci.

Kondamnenda estas la vorto « elporti » kiu, en la nuna Esperanto, signifas toleri, suferi, tiam kiam « elporti » pro ĝia kunmeto, signifas : ĉu « *porti el ia loko* » ĉu « *tutplenumi la agon* « *porti* ». Oni devas diri : toleri.

Kondamnenda estas la nuna vorto « elrigardi », k. c. k. c.

Dans notre prochain article nous en finirons avec les règles de dérivation et de composition en « Esperanto mis au point ».

B. S.

En nia proksima artikolo, ni finos la regulojn pri deveno kaj kunmeto en « plibonigita Esperanto ».

B. S.

# AMIKEJO.

Belga Sonorilo senpartie difinos du kolonojn de l' ĵurnalo por la partianoj kaj la kontraŭ-partianoj de l' projekto « Amikejo ». Ni do rogas la unujn kaj la aliajn ke ili skribu nur artikolojn tre resumajn, se ne, ili vidus mallongigi tiujn artikolojn kiel eble plej taŭge.

Plie, Belga Sonorilo deziras elekti nenian pozicion pri tiu demando, nur tiun de senpartia informisto por sia legantaro; ĉiuj artikoloj, kiujn ni enpresigos, estos deve subsignitaj de la verkantoj kaj nur ekligus tiujn subsignantojn. Fine, Belga Sonorilo eligos el la artikoloj ĉion, kio povus permesi tedajn kaj okstrukcemajn rajtajn respondojn.

---

## PRI AMIKEJO.

Amikejo, milo da cirkuleroj dissenditaj de Pioniro ĵus ĝin sciigis, estas la simbola nomo kiun S[ro] Roy, kolegia profesoro en S. Girons (Ariège, Francio), elektis por la « propaganta per ekonomiaj faktoj Esperantista Centro » de kiu li estas iniciatoro, kaj de kiu ĵus fondiĝis la unua organo en Moresneto, sub titolo: *Senpaga Internacia Oficejo por Komerco-Vojaĝistoj.*

Dum la paroladeto, pri kiu raportis B. S. en sia 19-aprila N°, p. 238[a], mi penis klarigi la fundamentojn de la interesanta projekto de S[ro] Roy, kaj la grandan profiton, kiun ĝia realiĝo nepre alportus al Esperantismo.

La espero veki simpation ĉe la legantaro de B. S., kaj aliparte ia timo ke tiun simpation influu la skeptikeco kiun ordinare ĉiu nova ideo renkontas inter ne-sciigitoj, skeptikeco jam ekaperinta en la 19-aprila N° de la « Chronique », instigas min resume prezenti tie ĉi la nunan demandon pri Amikejismo.

Laŭ S[ro] Roy, Amikejismo estas doktrino kiu devenigas estontan definitivan pacon (por kiu disvastigo de Esperanto estus esenca faktoro) de internacia influo sur la faktoj ekonomiaj.

Pro nekontrestarebla bezono al eksterlanda negocado kiu movigas la civilizatajn popolojn, tiuj ĉi per ĉiuj eblaj rimedoj favoras la internaciajn rilatojn. Ne nur multobliĝas la komunikiloj, sed kreiĝas ligoj pri-limimpostaj, interkonsentiĝas arbitraciaj traktatoj, dum antaŭ-nelonge malamikaj nacioj nuntempe unuiĝas, k. c.

Ĉiuj similaj faktoj tiel signifaj konverĝas al komuna celo: ebligi liberan cirkuladon de la teraj produktaĵoj.

Ĉu ili ne sufiĉas? tiam audiĝas kanono.

Do ĉio helpanta pri la ekonomia vivado de la popoloj participas en la realigo de la Esperantista idealo: naskigi ne-ĉesigeblan interhoman pacon.

Nu, la projekto de S[ro] Roy, el kiu tuj devenos intensa propagando por Esperanto, celas esence igi adopti tiun lingvon de la aferistoj, t. e. de tiuj kiuj rekte influas la ekonomiajn faktojn.

Konsekvence mi admonas ke ĉiuj legantoj de B. S. kunlaboru por realigi la diritan projekton.

Jen mallonge en kio ĝi konsistas:

Revenante de la 4[a] Kongreso, granda nombro da samideanoj haltigos sin, en Moresneto, por inaŭguri la unuan Esperantion entute dediĉatan por komerco kaj industrio.

Sur tiu Neŭtra terangulo, la Neŭtra internacia lingvo enradikiĝos fortege, kaj balde disvastiĝos tra la mondo, pro rimarkinda aro da specialaj cirkonstancoj:

« En tiu regiono, ja, diras rumana ĵurnalo pri l[a]
« Amikeja entrepreno, lokizita ĉe la vojkruciĝo d[e]
« la homaro, kvaza internacia parolejo kaj geogra-
« fia ejo por internaciaj kongresoj, apudestas Fran-
« cio, Belgio, Holando, Germanio, kaj kruciĝas la du
« ĉefaj tutmondaj vojoj: 1[e] Lisbono, Madrido, Pa-
« rizo, Berlino, S[ta] Peterburgo; — 2[e] Konstantino-
« plo, Wieno, Bruselo, Londono; ili kunligas ne nur
« la ĉefajn Eŭropajn Ŝtatojn, sed eĉ la ceterajn
« partojn de la mondo. En Amikejo do okaziĝos in-
« ternacieco plej moviĝema kaj vivema. Nu, ĉar
« ĉiuhore tie troviĝos elementoj de internaciaj
« kongresoj, restos nur io farota nome: ilin orga-
« nizi.

« Do tie, post la inaŭgura kongreso, sin sekvos
« internaciaj kongresoj de komerco-ĉambroj, en-
« portistoj kaj eksportistoj, armatoroj, limdepag-
« istoj, entreprenistoj, k. a. — Sindikala ĉambro de
« internaciaj komerco-vojaĝistoj estos instalita.
« Stariĝos vasta halo por ekspozicio kaj publikig-
« ado pri ĉiaj industrioj de ĉiuj landoj. Senpagaj
« oficejoj pri dungado kaj pri-komerca sciigado
« balde funkcios. Fine, samtempe organiziĝos
« Esperanta kurso kaj Esperantista grupo. »

Laŭ sciigoj senditaj de S[ro] Roy, jam aliĝis al lia projekto diversaj komerco-ĉambroj kaj proksimume 200 komerco-vojaĝistoj kaj industriistoj; eĉ malavaraj monoferuloj certigis la financajn rimedojn por starigi, en Amikejo, la unuan internacian kongresejon, kun konstantan ekspozicion.

Post propono kiun mi havis honoron prezenti al ĝia ekzameno, la komitato de Pioniro decidis sendi specialajn cirkulerojn:

1[e] al ĉiuj belgaj Esperantistaj grupoj,
2[e] al la ĉefaj belgaj ĵurnaloj,
3[e] al la gravaj firmoj komercaj, komerco-ĉambroj, sindikoj, koperativoj, k. c.

Kunmetitaj estas: 1[e] aliĝa bulteno pri proksima kongreso de komerco-vojaĝistoj okazonta en Amikejo dum venonta aŭgusto, (iaflanke sekvo de Pariza internacia kongreso daŭronta de 4 ĝis 7[a] junio, dum kiu parolados S[ro] Roy); 2[e] cirkulero (publikigita aparte en sep lingvoj) klariganta la funkciadon de la «*Senpaga Internacia Oficejo por komerco-vojaĝistoj*».

Esperebl, la alvokoj de Pioniro respondiĝos. Notinde la organizota ekskurso ĝis Amikejo, al kiu ĝi invitis ĉiujn Belgajn samideanojn, sendube havos grandan signifon; kaj se ĝi sukcese efektiviĝos, ĝi estos utila preparo al la solena inaŭguro de Amikejo.

Kio ajn rezultos de tiu entrepreno mem, mi tutsincere opinias ke ĉiu Esperantisto devus lojale helpi al ĝia realigo: efektive, se la enpraktikigo supoze montrus ke, pro iaj nesufiĉe pripensitaj cirkonstancoj (ekz. elekto pri loko aŭ pri momento, organiza plano, k. a.) ĝi ne estis sukcesonta, ĉar

tamen ĝiaj fundamentaj principoj ŝajnas neatakeblaj, nenio malhelpos profiti la akiritan spertecon, por reprovi la samon sur novaj bazoj pli taŭge starigitaj.

S[o] Ch. Schriewer, konsulo Esperantista en Amikejo, de kiu agemecon kaj sindonemecon mi tre ŝate rimarkigas, havigos al ĉiuj interesatoj ĉiuspecajn sciigojn kaj dokumentojn rilate la projekto de S[ro] Roy.

L[to] Giminne.

---

*Bruselo, poŝta dato.*

## GRAVA ALVOKO

### AL ĈIUJ BELGAJ ESPERANTISTAJ GRUPOJ.

Karaj Samideanoj,

La Komitato de Pioniro, B. E. G. havas la honoron altiri vian atenton pri la projekto de S[ro] Roy, klarigata en la ĉi-enmetita cirkulero.

Konsiderante la grandan profiton kiun esperèble alportos al Esperanto la sukceso de tiu promesoza projekto, ni opinias ke vi ŝatos kunhelpi por havigi specimenon de la dirita cirkulero al ĉiu bone konata komerco-vojaĝisto de via regiono.

Per helpo de la komerco-ĉambroj, asocioj de komerco-vojaĝistoj, jarlibroj, adresaroj, k. c., vi povos proksimume kalkuli la bezonatan nombron da sendotaj cirkuleroj, kaj se poste vi bonvolos vin turni al S[ro] Schriewer, Esperanto-konsulo en Amikejo, (per la petilo ĉi-aldonita) tiu lasta sendos al vi la petitajn cirkulerojn kaj la necesan monon por pagi la elspezojn poŝtajn.

Ni profitas tiun-ĉi okazon por informi vin ke Pioniro organizas gravan someran ekskurson ĝis Amikejo, kaj intencas inviti ĉiujn belgajn grupojn por ĝin partopreni.

Pri tiu lasta projekto, vi ricevos balde pluajn sciigojn, ĉu per Belga Sonorilo, ĉu per speciala cirkulero.

Bonvolu akcepti, karaj Samideanoj, niajn plej korajn salutojn.

POR LA KOMITATO :

| | |
|---|---|
| *La Sekretario,* | *La Prezidanto,* |
| O. Chalon. | L. Blanjean. |

---

## DOKUMENTOJ.

Nia kunfrato « Espero Katolika » publikigas la sekvanton leteron, kiu fariĝas dokumento por la historio de la nuna situacio. La plena opinio de profesoro E. Lime estas ankoraŭ plena opinio de multaj Esperantistoj ; tion la estonteco pruvos.

### LETERO DE PROFESORO E. LIME

Kara Direktoro,

Leginte la leterojn, kiujn vi ricevis de kelkaj abonantoj, mi ne volas altiri sur vi fulmotondrojn. Mi vidas, ke estas tre malfacile, ne nur klarigi, sed eĉ simple analizi *diversajn* opiniojn pri subjekto ajn, antaŭ legantoj de gazeto. Tamen libereco pri lingvaj opinioj ne ŝajnas al mi tre danĝera ! Baldaŭ, kredeble, oni same riproĉos al vi la liberan diskutadon pri *Evolucio de religia ideo*, kc.

Nu, mi pensas ke mia devo estas simple malaperi, por ne kaŭzi al vi maltrankvilaĵojn tre facile eviteblajn. Per tiu letero, mi havas la honoron konigi al vi mian decidon ĉesi mian kunlaboradon al la rubriko *En la Mondo Esperantista*. Eble, se tion vi permesos, mi povos helpi vin alimaniere.

Mi deziras tamen, por la lasta fojo, diri sincere mian plenan opinion pri reformoj al la legantoj de E. K.

Mi parolos mallonge :

1) Mi estas konvinkata, ke ekzistas en Esperanto tre gravaj difektoj *pri la reguloj de derivado* kaj *pri la internacieco de multegaj radikoj* en la vortaro. Nei tion estus nei la lumon de l' suno ;

2) Tiuj reformoj estus vera progreso. Kredeble multaj konsentas pri tio ; sed oni malkonsentas pri la maniero efektivigi la necesajn reformojn.

3) Mi kredas, ke cirkulero, eĉ de D[ro] Zamenhof, ne estos kapabla malhelpi la progreson : ĝi realiĝos plimalpli frue.

4) La plibonigo *per evolucio natura* estus ruino, ĉar « evolucio natura » signifas evolucio laŭ la kapricaj, mallogikaj kutimoj de vivaj lingvoj ;

5) Plibonigo *per vojo de neologismoj* estas tute ne praktikebla, ĉar la novaj lernantoj devus lerni *du* lingvojn, kaj post kelkaj monatoj, ili ne volus plu aŭdi pri la *malnova* lingvo. Plie la profesoroj havus vere malfacilan taskon !

6) *La sola praktika kaj pacifista solvo de la nuna demando estas, laŭ mi : a)* lasi la Delegacion realigi sian projekton, montri ĉu efektive ĝi estas *praktikebla*, studi serioze la novan lingvon ĝis epoko difinita, ekzemple : unu jaro ; *b)* krei en la Esperantistaro organizon (eble Akademion aŭ reorganizatan Lingvan Komitaton), kiu juĝos la aferon kun aŭtoritato kaj senpartieco. Post unu jaro, la kapoj estos pli kvietaj...

Se oni konstatos, ke la reformita Esperanto vere pli taŭgas por la celo, tiam oni lojale akceptos ĝin. Se kontraŭe, oni « iros sian vojon », kiel antaŭe, ĉar ni ĉiuj laboras por la « *interna* ideo de Esperanto », kia ajn povas esti la ekstera lingvilo.

Ĉu tia konduto ne estus pli saĝa ol definitiva forĵeto de ĉiu interkonsento, ol granda danĝero de skismo ?

*Miaflanke, mi praktikos la du lingvojn, kaj faros lojalan provon.*

Efektive mi konsentas, ke diskuti reformoj lingvaj estas la rolo nek de gazetoj propagandaj, nek de specialistaj. Sed la gazetoj ne povis silenti, ĉar ne ekzistas *speciala lingvistika revuo* por diskuti la aferon. Mi do esprimas la deziron, ke oni kreu gazeton kun titolo, ekz. *Tribuno de lingvistika kritiko*. Ĝi ne ĝenus la propagandon kaj povus diskuti eblajn reformojn sen maltrankviligi la « popolon esperantistan », ĉar ĝi estus kredeble legata nur de specialistoj. Mi petas tiujn, kiuj estas interesataj pri tiu ideo, ke ili bonvolu korespondadi kun mi.

---

## Boulogne s/Mer.

LE 5 MAI 1908.

*Monsieur le Rédacteur de la « Belga Sonorilo »,*

Je lis dans votre numéro du 19 avril 1908 le compte-rendu de la conférence de M. Derveaux, et les réflexions dont vous le faites suivre.

Je vous serais très obligé, pour éviter tout malentendu, et toute fausse appréciation de la façon de penser du Groupe Espérantiste de Boulogne-sur-mer que vous appelez aimablement *La Mecque* de l'Esperanto, de signaler aussi que vous avez rapporté l'opinion *personnelle* de M. Derveaux, à la valeur espérantiste duquel je rends hommage, du reste, et non celle du Groupe ou de son comité.

Celui-ci tout en étant profondément désireux d'arriver à une entente entre tous les Espérantistes, partisans ou non de réformes à réaliser plus ou moins rapidement, ou plus ou moins nombreuses, a, suivant les termes de la circulaire du D[r] Zamenhof, décidé à la *majorité*, en sa séance du 10 avril 1908, qu'il y avait lieu de supprimer d'un projet présenté par M. Derveaux à cette séance, les passages prenant en considération les travaux de la soi-disant Délégation pour l'adoption d'une langue internationale.

J'ajoute à titre personnel, que ce qui semble avoir entrainé l'opinion de la majorité, est qu'elle a considéré : Que la Délégation s'était surtout déléguée elle-même ; — qu'elle avait mandat pour « choisir » une langue, d'après ses propres dires, et non pour en fabriquer une ; — que la langue Esperanto existant, avant et en dehors des travaux de la soi-disant Délégation, n'avait pas à prendre en considération plus spécialement l'opinion des prétendus délégués, de valeur personnelle indiscutable, mais sans qualité pour réformer par des ukases, la langue vivante et chaque jour grandissante Esperanto de Zamenhof.

J'ajouterai que personnellement, si je reconnais que théoriquement, certaines des réformes proposées sont désirables, je constate que la scission provisoire, espérons-le, créée par les décisions de la Délégation auprès de ceux qui en admettent

l'autorité, a les plus dangereuses conséquences pour la marche en avant de l'Esperanto.

En un mot, j'aime mieux entretenir que d'avoir à rebâtir, surtout quand je puis me demander si je retrouverai après avoir rebâti, ce que j'aurai perdu à interrompre mon travail.

Veuillez croire, mon cher *presque* Samideano, à l'expression de mes cordiaux et meilleurs sentiments.

LUCIEN SERGEANT.

Vice-président du Groupe Espérantiste de Boulogne-sur-mer; secrétaire de l'Internacia Societo de l'Esperantistaj ĵuristoj.

---

La Komitato de la Grupo de Boulogne s/Mer akceptis unuvoĉe la sekvantan projekton de deklaracio.

## PROJEKTO DE DEKLARACIO.

KONSIDERANTE :

Ke diversaj grupoj kaj ĵurnaloj esperantistaj komencis diskutadi la demandon pri reformoj enkondukotaj en Esperanton;

Ke estas timinde ke tia diskutado nasku skismon en Esperantistaro ;

Ke el tia situacio povas rezulti la plej gravaj danĝeroj, forigeblaj nur per neprokrastata reunuiĝo de ĉiuj samideanoj, aŭ almenaŭ per arbitracio inter la kontraŭaj partioj;

Ke por la triumfo de la komuna ideo, necesa estas la ekzisto de komuna riprezentantaro;

Ke la plej normala formo de tiu riprezentantaro ŝajnas esti Akademio balotita de la delegitoj de la tuta Esperantistaro, posedanta la plej plenajn rajtojn por esplori kaj volvi ĉiujn demandojn pri la lingvo, kaj ankaŭ por plenigi la Universalan Vortaron laŭ la Zamenhofa tradicio;

Ke allasi al la privatuloj la zorgon evoluciigi la lingvon estus danĝera kontraŭ nia unueco kaj kontraŭ la internacieco de la novaj vortoj kreotaj; ke lingvo *interkonsentita* povas ŝanĝiĝi nur per *interkonsento*; ke oni ne povas toleri la samtempan ekziston de pli ol unu vorto por montri nur unu ideon; ke oni ne povas atendi, ĝis la plej bona vorto estos venkinta la malpli bonajn;

Ke aŭtoritato kompetenta kaj internacia estas necesa por eviti ĉian bedaŭrindan interdisputadon, kaj ankaŭ por garantii la unuecon de la lingvo, donante al ĉiuj Esperantistoj en la mondo la eblon uzi la saman vorton por esprimi la saman ideon;

Ke la Lingva Komitato, tia kia ĝi estas nun organizita, ne ŝajnas konsenti al si la rajton esplori la demandon pri la ŝanĝoj proponataj en Esperanto;

La Grupo esperantista en Boulogne-sur-Mer postulas :

1e Ke la Lingva Komitato estu reorganizata kaj plenigata, ricevonte la formon de Akademio riprezentanta la tutan Esperantistaron kaj havanta plenajn rajtojn pri la lingvo;

2e Ke tiu Akademio estu balotata de delegitoj elektotaj per la voĉdonado de ĉiu Esperantisto, membro de ia grupo aŭ enskribita en la Adresaro de D^ro Zamenhof;

3e En ĉiu lando, la nacia Societo (la plej malnova se ekzistas pli ol unu Societo nacia), alcentrigos la voĉdonojn por la elekto de la Delegitoj. Ĉi tiuj decidos, mem, pri la maniero por baloti la Akademion

*La Sekretario :* **M. Derveaux.**

*La Prezidanto :* **M. Duchochois.**

*La Hon. Prezid. :* **A. Michaux.**

## Pri akuzativo kaj pri evoluo.

Oni atakas la esperantan akuzativon. Ni ekzamenu iom tiun demandon. La komplementa akuzativo estas nepre konservinda. Sen ĝi, la konstruo di frazo devas esti rigida, la inverso fariĝas preskaŭ neebla, kaj nia lingvo perdus multon da sia eleganteco kaj da sia fleksebleco tre utila por tradukoj el ĉiuspecaj lingvoj. Estas vera ke ĝi pli malfaciligas la lingvon por la lernantoj, kiuj ne havas akuzativon en sia nacia lingvo, kaj kiuj ne studis la latinon. Sed la beleco di la lingvo valoras tiun suplementan penon. Alial, de tiu peno ĉi tiuj lernantoj ricevas profiton por sia menta edukado. Ili pli bone konas la rolon di l' diversaj partoj di frazo, kaj, nur dank' al esperanto, kelkaj francaj estas nune konvinkitaj ke, ekzemple, en la frazo « Tio ŝajnas solvo di l' problemo » solvo ne estas rekta komplemento. Fine, ni rimarku ke, se komercistoj aŭ laboristoj ne uzos la akuzativon, ili tamen estos tre bone komprenataj. Do ne ekzistas sufiĉa motivo por senigi la lingvon de tiu tre utila ilo,

Sed tute aliel vidiĝas la demando pri la direkta akuzativo. Ĉiuj ili, kiuj provis verki en esperanto, scias kiom ofte oni hezitas ĉu oni devas aŭ ne uzi ĝin. Nur unu ekzemplo. En Hamleto, (p. 8) oni legas : « Kontraŭ majestec*o* ni venas kun sovaĝa atakado... », kaj iom poste (p. 9) : « La mateno purpurvesta leviĝas sur la ros*on* de l' monteto. » Mi konfesas ke mi pli komprenus la akuzativon en la unua frazo kaj la nominativon en la dua. Nu, en ĉiuj dubaj okazoj, la aŭtoroj, timante esti akuzitaj pri *lapsus calami* senmezure verŝas akuzativojn, ofte kontraŭ la genio di nia lingvo, kiu konsilas sin direkti laŭ la ideo, ne laŭ la vortoj. Ekzemple, en la frazo : « Lampo metita sur tabl*on* », la akuzativo estas kontraŭsenca, ĉar oni celas la nunan kuŝon di la lampo, kaj ne la antaŭan meton di ĝi. Mi ne vidas por kio utilas la direkta akuzativo. Se mi legus la frazon : « La muso kuris sub la lito. » mi, sen hezito, opinius ke tie kuŝas preseraro, escepte se la apudaj frazoj montrus ke la muso jam estis sub la lito; ĉar, kompreneble, oni pli fidas al la ĝenerala senco ol al iu aparta vorto. Mi kredas ke oni ne povas citi en la tuta esperanta verkaro, unu frazon, kiu ne estus klara sen la direkta akuzativo.

Pri tiu demando, nia majstro skribis en la Revuo (p. 296) : « Povas esti ke mi baldaŭ proponos al la voĉdonado de la Lingva Komitato, ke, post propozicio, oni uzu la akuzativon nur en okazo de nepra bezono. » Bone ! Mi atendis pacience. Sed mi nun legas (p. 439) : « Se iam la libereco en tiu ĉi rilato fariĝas por ni tro ĝenanta, kaj se la vivo mem ne decidos iom post iom tiun ĉi demandon, tiam mi proponos al la Lingva Komitato, ke ĝi donu al ni por tiu ĉi demando ian ekskluzivigan decidon. » Kion signifas « se la vivo mem ne decidos... » ? Kredeble : « Se la plimulto de l' esperantistoj ne ĉesos propramove uzi tiun akuzativon ». En tia okazo, kial mi, esperanta profesoro, obstinos por kutimigi miajn lernantojn al ĝi, kiu, laŭ mi, nek plibeligas nek pliklarigas la lingvon ? La vortoj di nia majstro estas rekta invito ĉesi tiun superfluan penon, por ke la vivo solvu konvene la demandon.

Tiel kompreni la evoluon di la lingvo ŝajnas danĝera. Mi komprenas ĝin aliel, kaj deziras ĝin gvidata par la Lingva Komitato. De kelkaj jaroj,

esperanto estas ensegnata par pluraj centoj da profesoroj en ĉiuj landoj. Kien tiu praktika elprovo montris pri la lingvo? Oni ne scias, ĉar la Lingva Komitato ne demandis ilin pri tio. Ĉu tia konduto estas saĝa? La Lingva Komitato devus konstante kunscii la esperantan publikan opinion. Ĉiufoje kiam reformo, granda aŭ malgranda, kiu ŝajnas konsiderinda, estas al ĝi signalita, ĝi devus elponi la demandon per cirkulero invitante la diplomitajn esperantistojn sendi sian opinion. Tiam ĝi scios, en certa maniero, ĉu la projekto estas forĵetenda ĉu prokrastenda aŭ ĉu oficialigenda.

H. Sentis.

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Antwerpen.** — Opgemerkt: op de pet van eenen dagbladverkooper in de omgeving van de Middenstatie het opschrift *Internaciaj Ĵurnaloj*, — op een programma van een concert in Mariaburg *Esperanto*, galop bewerkt door P. Goormans, in Borgerhout *Cinema Esperanto*, — een zeer lezenswaard artikel over Esperanto in het orgaan der klerkenvereeniging «Unitas», en onderteekend R. Untermann.

*La Verda Stelo.* Deze werkzame groep heeft sedert het begin van Mei haren tweeden zomerkursus van Esperanto ingericht.

De Vlaamsche lessen hebben plaats alle Maandagen, de Fransche alle Dinsdagen om 8 1/2 ure 's avonds in de Gemeenteschool, Groote Hondstraat.

*In Mariaburg.* Op een tiental Km. ten Noorden van Antwerpen bevindt zich het stille en schilderachtige Mariaburg. Dit oord, verscholen in het eeuwig groen der dennenbosschen, is de lievelingsplaats geworden van allen, die aan natuurschoon houden; villa's en kasteelen rijzen er te allen kant op langs schaduwrijke dreven en verrukkelijke vergezichten. Mariaburg wordt voornamelijk bewoond door Antwerpsche familiën, die de woelige stad ontvlieden om hier rust, vrede en gezondheid te zoeken.

Onder de bewoners van Mariaburg zijn talrijke intellectueelen — kunstenaars, kooplieden en klerken — die zich dikwijls in gezelligen kring vereenigen en niet onverschillig blijven aan de verstandelijke beweging der groote steden. Menigmaal werd onder hen de wensch uitgedrukt kennis te maken met het Esperanto, wensch, die op 3n Mei laatst zijne vervulling erlangde. De heer Prof. Fr. Swagers hield er dien dag over de taal van Zamenhof een belangrijke en welsprekende rede, die door een talrijk en uitgelezen publiek werd bijgewoond en een ongemeenen bijval genoot.

Een esperantische groep — La Verda Flago! — werd dadelijk gesticht. Zij telt reeds 80 leden en heeft eenen leergang ingericht, die elken Dinsdag, om 8 u. 's avonds plaats heeft. De heer Fr. Schoofs, voorzitter der Antwerpsche groep «La Verda Stelo», geeft het onderwijs. De degelijke wijze, waarop hij deze taak waarneemt in zijne eigene maatschappij, doet voorzien, dat hij ook in Mariaburg goede uitslagen zal bereiken.

De zetel van de Mariaburgsche groep is in de «Herberg Krüger», Marialei. Haar bestuur is samengesteld als volgt:

Voorzitter: de heer Fr. Willemsen; Ondervoorzitter: de heer Jan de Raedemaeker; Schijvers: de heeren Joz. Weyts en John Streitz; Schatbewaarder: de heer Herm. Rutten; Kommissieleden: de heeren M. Op de Beeck en Arth. De Muynck.

**Antverpeno.** — Rimarkita: sur la kasketo de gazetvendisto en la ĉirkaŭaĵo de la Centra stacidomo la surskribon *Internaciaj Ĵurnaloj*, — sur programo pri koncerto en Mariaburg'o *Esperanto*, galopo verkita de P. Goormans, en Borgerhoŭt'o *Cinema Esperanto*, — tre rimarkindan artikolon pri Esperanto en la oficiala organo de la unuiĝo de oficistoj « Unitas », subskribitan de R. Untermann.

*La Verda Stelo.* — Tiu ĉi agema grupo organizis de la komenco de Majo sian duan someran kurson pri Esperanto.

La instruado per Flandra lingvo okazas ĉiulunde, tiu per Franca lingvo ĉiumarde, je la 8 1/2a vespere, en la urba lernejo No 16a, Granda Hundstrato.

*En Mariaburg'o.* Dekon da kilometroj norde de Antverpeno troviĝas la kvieta kaj pentrinda Mariaburg'o. Tiu-ĉi loko, kaŝita en la eterna verdaĵo de la pinaroj fariĝis la prefera restejo de ĉiuj, kiuj ŝatas naturan belecon; kampdomoj kaj kasteloj sin montras ĉiuflanke laŭlonge de ombraĵitaj aleoj kun mirindaj perspektivoj. En Mariaburg'o loĝas precipe Antverpenaj familioj, kiuj forkuris la bruan urbon por trovi ĉi tie ripozon, kvieton kaj sanon.

Inter la loĝantoj de Mariaburg'o estas multe da intelektuloj — artistoj, komercistoj kaj oficistoj — kiuj ofte kuniĝas en agrablaj kunvenoj kaj ne restas indiferentaj pri la intelekta movado de la grandaj urboj. Diversfoje ili esprimis la deziron konatiĝi kun Esperanto, deziro, kiu ricevis sian plenumon la 3an de Majo laste. Sro Prof. Fr. Swagers el Antverpeno, tie faris tiun tagon pri la Zamenhof'a lingvo tre interesan kaj elokventan paroladon, kiun multnombra kaj elektita aŭdantaro ĉeestis, kaj kiu rikoltis grandegan sukceson.

Tuj estis starigata la esperantista grupo «La Verda Flago». Ĝi jam kalkulas 80 membrojn kaj organizis kurson, okazantan ĉiumarde, je la 8a vespere. Sro Fr. Schoofs, prezidanto de la Antverpena grupo « La Verda Stelo » donas la instruadon. La taŭga maniero, laŭ kiu li plenumas tiun taskon ĉe sia propra societo, antaŭvidigas ke ankaŭ en Mariaburg'o li atingos bonajn rezultatojn.

La sidejo de la Mariaburg'a grupo estas en la « Trinkejo Krüger », Marioaleo. La komitato estas kunmetita sekve:

Prezidanto: Sro Fr. Willemsen; Vicprezidanto: Sro Jan de Raedemaeker; Sekretarioj: Sroj Joz. Weyts kaj John Streitz; Kasisto: Sro Herm. Rutten; Komitatanoj: Sroj M. Op de Beeck kaj Arth. De Muynck.

# Belgaj Ligaj Grupoj.

**Antverpena Grupo Esperantista.** Prezidanto : Dro Raym. Van Melckebeke, 22, avenue des Arts, Anvers.
Sidejo : Taverne Royale, 39, place Verte, Anvers.

**Pioniro**, Esperantista Brusela Grupo. Prezidanto : Sro Lucien Blanjean, 83, r. du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Sekretario : Sro Octave Chalon, 34 rue Van Ostade, Bruxelles

**Esperantista Societo**, en Verviers. Prezidanto : Sro Edouard Mathieu, 45, rue de la Montagne, Verviers.
Sidejo : 9, rue Xhavée, Verviers.

**Grupo Esperantista**, en Huy. Prezidanto : Sro Thiry, commissaire-voyer, Huy.

**Liera Grupo Esperantista.** Sekretario : E. O. Vermeiren, Lierre.

**Bruĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro A.-J. Witteryck, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

**La Semanto**, Grupo en Laeken. Prezidanto : Sro H. Calais, 23, rue du Chemin de fer, Bruxelles.

**Grupo Esperantista**, en Duffel. Prezidanto : Dro L. Jacobs, Duffel.

**Esperanto.** Cercle d'étude de langues, Spa. Prezidanto : Sro Decq, inĝeniero, direktoro de la Banejo.
Sekretario : Sro Grosjean.

**Karloreĝa Grupo Esperantista**, Charleroi. Prezidanto : Sro L. Delvaux, profesoro.
Sekretario : Sro D. Heyne, 17, rue Roton.

**Booma Grupo Esperantista**, en Boom. Prezidanto : Sro Jules Clerbaut.
Sekretario : Sro Camille Bal, 53, Kerkstraat.

**La Verda Stelo.** Prezidanto : Sro Fr. Schoofs.
Sidejo : Café Zomerhof, 32, place de l'Aurore, Anvers.

---

# Aliaj Belgaj Grupoj.

**Section Espérantiste**, du Cercle Polyglotte de Bruxelles.
Prezidantino : Frino A. Greiner, 15, Av. Brugmann, Bruxelles.

**Lieĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro E. de Troyer, 28, Rue César Franck, Liége.
Sekretario : Sro Ansiaux, 29, rue St Gilles, Liége.

**Grupo de la garnizono**, en Namur. Prezidanto : Sro Bisman, Kapitano de la 13a linia regimento.
Sidejo : Hôtel de Hollande, Namur.

**Berchema Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro prof. Ant. Havermans.
Sidejo : Café Limburgia, rue Beernaert, Berchem.

**Espero**, Lieĝa Esperantista Societo. Prezidanto : Sro F. Spies, 5, rue sur la Fontaine.
Sekretario : Sro G. Sloutzky, 34, rue Nysten.

**Woluwa Blindulgrupo Esperantista.** Sidejo : Institut Royal des Sourds-Muets et des Aveugles, 72, Avenue Georges Henri, Bruxelles.

**Namura Stelo**, en Namur. Prezidanto : Sro J. Detry.
Sekretario : Sro Verbeken.
Sidejo : Hôtel de Hollande.

**Esperanta Sekcio** du Cercle linguistique de la maison de Melle.
Prezidanto : Sro Paul Motte à Melle-lez-Gand.
Sekretario : Sro Paul Jansens.

**Seilla Grupo Esperantista** en Seilles. Prezidanto : Sro Jean Magis, komunuma instruisto.

**Bonveno**, en Ixelles. Prezidanto : Sro M. Cardinal.
Sidejo : Taverne Dubois, pl. Ste Croix, Ixelles.

**Stelo Matena** en St Trond. Prezidanto : Sro Fo Brauer.
Sekretario : So Fo Ludoviko, institut St Trudon.

**La Verda Flago** en Mariaburg. Prezidanto : Sro Fr. Willemsen.
Sidejo : Herberg Krüger, Marialei, Mariaburg.

**Aliaj Grupoj** en St. Gilles, Malines, Andenne, Louvain, Renaix, Gembloux, Nivelles, k. c.

---

# ATENTU!

La lerta homo, kiu pretendis fari tiom da aferoj kiom li volis sen ia anonco, ĵus perforte devis akcepti nepre helpon de anoncoj; la afiŝo estas titolita:

AŬTORITATA VENDO PRO JUSTECO.

L'homme habile qui prétendait faire autant d'affaires qu'il voulait sans aucune publicité, vient d'être forcé de recourir aux annonces quand même; l'affiche est intitulée :

VENTE PAR AUTORITÉ DE JUSTICE.

*(American Druggist).*

**Franca-Brita Ekspozicio.**

Pensio por ĝesinjoroj. Hejmaj komfortaĵoj. Bano. Moderaj prezoj. Oni parolas Esperante, Angle France. S^ino O'Connor, Esperanto-House, 17, S^t Stephens Sqr., Bayswater, London.

## La Signo Esperantista

estas

**LA VERDA STELO**

kaj

**la verda stelo estas la SIGNO « GASSE »**

la plej bela, — malkara, — simbola kaj scia, vere disvastigita internacie rekonilo esperantista; ne estante ŝtofa, ĝi ne difektiĝas.

Prezo fr. 1.00 (40 Sd.) afranke en Belgujo. Sin turni al la Administracio de la ĵurnalo. Aldoni la monon.

*Po almenaŭ 12 : fr. 0,75.*

## SPINEUX & C^o, Bruselo,

POLIGLOTA LIBREJO, FONDITA EN 1833

3, RUE DU BOIS SAUVAGE.

Vendas ĉiujn esperantajn librojn.

**KORESPONDAS ESPERANTE.**

TELEFONO N^o **3688**. (89)

## Kampa-domo vendota.

2^an de Junio 14^an horon, en la domo komunuma de « Anthisnes », vendo publika de bela kampadomo kun parko 3 h. 39 a., en « Villers-aux-Tours », Esneux (Belgujo).

Sin turni al notario Horion en Villers-aux-Tours, vojen « Anthisnes ». Postuli afiŝon klarigitan.

Skribu Esperante.

LUEBLA.

## *Esperantistoj !*

**AĈETU LA VINOJN KIUJN VI BEZONAS ĈE LA**

## Firmo ALFRED LAURENT-DESCOTTE

VINOJ

EN SOIGNIES (BELGIQUE).

*Fondita en 1880.*

**Ĉefaj vinoj de Bordeaux kaj de Bourgogne.**
**Diversaj blankaj vinoj, Ĉampano, hispanaj kaj portugalaj vino**

*KORBOJ*

povantaj enteni sortimenton da 20 boteloj da diversaj vinoj
Speciala prezo por Esperantistoj.
Oni korespondas Esperante. — Prezaro al dezirantoj.
Sendu la korespondaĵojn al

Sinjoro **Alfred PUTSAGE-LAURENT,**

*VINOJ,*

en HOUDENG-AIMERIES (BELGIQUE). (83)

## PROPAGANDO

SUB-POŜTSIGNOJ ESPERANTO

speciale eldonitaj por la Belgaj poŝtsignoj.

Tri koloroj : BLUA, RUĜA, VERDA.
harmoniĝas kun la koloroj de la oficialaj poŝtsignoj.

**La plej originala propagandilo**




**aĉeteblaj ĉe la sekretario de la Ligo,**

53, rue Ten Bosch

BRUXELLES.

La cento da ekzempleroj. . . . . fr. 1.00
aldonu 0.10 por la sendo en Belglando kaj
0.25 por la sendo eksterlande.

## L'Annonce Timbrologique

ĈIUMONATA ORGANO DE LA KOLEKTANTOJ

**de poŝtsignoj, ĵurnaloj kaj ilustritaj poŝtkartoj**

estas unu el la plej bonaj iloj por publikigo kaj por la interŝanĝantoj.

Ĝi ekzistas de 15 jaroj, kalkulas abonantojn en ĉiuj landoj de la mondo, kaj estas la OFICIALA ORGANO DE DEK FILATELAJ KAJ PRESAĴ-AMANTAJ SOCIETOJ; al ĉiuj membroj de tiuj societoj, ĝi estas sendata devige.

*JARA ABONO:* **2 frankoj** (80 Sd.) en ĉiuj landoj.
*MALGRANDAJ ANONCOJ :* **3 frankoj** (1,20 Sm.) por 12 enpresigoj po 4 linioj.

Sin turni al la Direktoro S^ro **ARMAND DETHIER,**
**66, rue Floris, Bruxelles, Belgique.**